# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 30/08/2013 Cent dudek oka eldono 31/08/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260 RETADRESOJ**


La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu. Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »

### Poresperanta varbado per interreto Elsendo de la 24a Aŭgusto 2013




Mi plenplene perceptis la gravecon kaj efikecon de la retejo "Lernu.net" por varbi al Esperanto ĉefe junulojn, nur lastsemajne, kiam ĉiĉeronante dum antaŭkongresaj ekskursoj de la ĉi-jara Internacia Junulara Kongreso (IJK 2013) en Nazareto (Israelo), mi persone konstatis, ke la plejmulto da partoprenantoj alvenis al Esperanto ĝuste pere de "Lernu". ktp ktp

Tute ne necesas apartaj komputilaj spertoj. Ĉiu povas sufiĉe rapide kutimiĝi kaj efike uzi la "Redaktejo"-n (vidu supre la maldekstran bildon). Post la tajpado de via traduko, vi tuj povas vidi la rezulton en la taŭga paĝo de la retejo por kontroli (vidu ekz. la supran dekstran bildon). Ne timu erari:

ĉiu eraras, aparte kiam oni amase tradukas. Kiam vi finas iun parton forlasu ĝin, indas reveni al ĝi post iom da tempo por fari finan kontrolon. Se temas pri kunlabora tradukado, reciproka kontrolo estos optimuma solvo. ktp ktp kaj tiel plu

(**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl✚alklaku la bluajn lokon)




Jomo kantas sendas Nicole Else http://www.youtube.com/watch?v=CfRwFhnkJ9I

Jomo bravis kaj la publiko plene aliĝis al la spektaklo proponita de la "Superstelo". Ĉio ĉi okazis en la 86a SAT-Kongreso (Madrido de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto 2013).

Brita komiko senvorta http://www.youtube.com/embed/upEBdKFGlPg

Sendis Bob Felby




kiom bona tiu flago povus esti !

Sendis Henriette Vanechop

## Alexander Martinez Aguero alexander@embergrm.alinet.cu

Mi estas el Kubo kaj mi petis korespondamikojn al mia amiko el Aŭstralio, li estas ĉefredaktoro de la revuo ESK, li vidis anoncon de brazilano dirante, ke vi volus interŝanĝi per retpoŝto kun geesperantistoj tra la mondo, mi volas interŝanĝi kun multaj aŭstralianoj, mi ŝategas vian kulturon kaj mi volas scii pli pri via lando.

Tio estas interesa por vi. Mi atendos vian respondon

El kubo

Alekso



## Esperanto-Domo Sidnejo

**la 22an de Septembro 2013** okazos la Jarkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

EFNSK kunvenos la **22**an de Sept 13, la **27**an de Okt 13, kaj la **1an de** Dec 13.

Zamenhofa Festo la **15**an de Decembro: Ĉiuj estos bonvenaj

Notu: datoj ŝanĝiĝis (ĉar Roger Springer ferios en Ĉinio)

Dimanĉon la 25an de Aŭgusto venis malmultaj al la kunveno. Nicole, Robert, Margaret, Dmitry, Roger, Mei kaj Peter Cummins.

Spite tion ni havis ĝuindan tagon. Peter havis 4 helpantojn por instrui al li la parolatan Esperanton.

# Raportoj kaj fotoj de Rejkjaviko



### Islando, la insulo de fajroj.

Dek du aŭstraliaj esperantistoj partoprenis en la Universala Kongreso en Rejkjaviko (21a ĝis 28a Julio 2013). Rejkjaviko situas sur la sudokcidenta marbordo de la insulo. La popolo nombras nur 320,000 en la insulo kaj 200,000 en Rejkjaviko. Iom pli ol mil Esperantistoj vojaĝis tien kaj ĝuis la belan ĉirkaŭaĵon kaj la amikecan atmosferon de la kongreso. Kiel kutime multaj interesaj temoj estis



Prezidento de Islando

diskutitaj, novaj amikoj kaj malnovaj amikoj trovitaj kaj spektaklaj ekskursoj aranĝitaj. La Prezidento de Islando malfermis la kongreson kun inspiriga parolado.



Aŭstraliaj Esperantistoj ĝuas vespermanĝon.
Indrani, Jennifer, Jane, Alan, Sandor, Chris, Gerry, Charles kaj Heather. Sendis Heather Heldzingen

La vetero en Rejkjaviko, tamen apud la arkta cirklo, estis milda sed la vento ĉiam blovis. Ĉie, kien ni vojaĝis, la vulkanoj estis evidentaj, kun lafo kaj cindro sur la tereno. Dormantaj kaj antaŭ nelonge vekitaj vulkanoj estras la landon.

La lingvo de Islando estas malnova “Norse“ kiu ne ŝanĝiĝis dum mil jaroj. Ili ne akceptas novajn vortojn en sia lingvo kaj malofte akceptas novajn enmigrantojn. La popolo estas la plej homogena en la mondo. raportis Heather Heldzingen



La kongresejo



Erika Heldzingen kaj Charles Stevenson ĉe akvofalo.

# Raporto pri la unua UK en Rejkjaviko

Legante la raportojn de Chris Hollis kaj Ŝandor Monostori, mi pensis pri mia vizito al Islando por partopreni en la unua UK tie.

Dum miaj 8 jaroj en Londono, mi ofte volis iri tien sed ne havis monon. Do tuj kiam oni anoncis la UK-on, mi aĉetis bileton kaj skribis al mia fratino en Londono ke mi iros tien.

Tio okazis dum la fruaj jaroj de mia edzineco; mi en tiu tempo ne profunde komprenis la venontan malsanon de la edzo; li ne volis ke mi iru, sed kun helpo de mia frato, mi sukcesis.

Parto de la vojaĝo estis vizito al la grandega glaĉero kelkajn kilometrojn orienten - apud la marbordo - kaj revena flugo al la urbo.

Post kelkaj tagoj estis tut-taga vizito al la mirinda Akvofalo Gullfoss. La vojo tien estis trans iomete glata lando sed subite mallarĝa krevo en la lando iĝis la elfluejo tra kiu la tumulta akvo strebis atingi la malaltan ebenaĵon. Mi simple staris, kun malfermitaj okuloj, kaj diris al mi mem - kiu bezonas Niagara-on!

Mi tranoktis en la amasloĝejo kie mankis duŝejo sed devis iri al la varma naĝejo. Tie oni devas purigi sin sub duŝo antaŭ ol iri en la naĝejon. Anstataŭ la kutima duŝtolo, mi uzis sekigitan lufon (Loofah) kaj miris kial la aliaj virinoj ekrigardis min. Dum la venonta tago, apud la marbordo, mi vidis dometojn kie la enloĝantoj sekigis la kaptitajn fiŝojn - kaj, pendante tie, ili ege similis al la lufo per kiu mi lavis min.

En Londono, mi decidis ne serĉi en la telefonlibro iujn kun mia nova familia nomo - Chaldecott. Miaj bofratinoj estus ege malfeliĉaj se mi ignorus tiun parton de la familio, do mi ne menciis ĝin kiam mi revenis al Sidnejo.

Por la proponita vojaĝo orienten, mi jam akiris flugbileton. La flugo de Londono estis per neregula flugo kaj mi ne komprenis tion; sed telefonis por validigi al la kutima flug-grupo; tie iu diris: "Oh, jes, kaj vi restos en la granda hotelo". Mi diris ne, mi estas kun alia grupo. Fakte, tiu loko estis en lernejo, kaj je la alia flanko de la strato estis tiu granda hotelo en kiu okazis la Granda Vespera Manĝejo. Mi pensis sed decidis ne iri al la hotelo kaj peti permeson paroli al la geChaldecottoj. Mi ne volis kaŭzi problemon.

Do la bofratinoj ne sciis kiel apud mi estis alia familiano.



Irinte al la dua UK en Brazilio, mi vizitis la grandan akvofalon tie. Ĝia nomo ankaŭ estas "Foss" (en ĉi-tiu momento mi forgesis la tutan

nomon). Sed mi miris - de kie venas la vorto FOSS? Ĉu portugala aŭ de la mezo de suda Ameriko?

Dum la Sabato mi vizitis la Eklezion de la Sepa Tago, kaj la parolanto tie invitis min al sia hejmo por lunĉi. Ni sabatuloj ne manĝas viandon, sed pro la kontrolita uzo de la subtera varma akvo, ĉie estas hejtigitaj legomĝardenoj. Ege bela freŝa salato en domo de samideanoj!

Margaret Chaldecott

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

**Ĉu via grupo kunvenis?** Aktualan informon, mi enmetos en AE







## Propaganda sekcio

**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas fari rakonton pri Esperanto en sia elsendo "The Feed'

Ili trovis nin per la telefona numero de Esperanto-Domo. Ĉu vi havas telefonan numeron ĉe via loko?

Mi sendis la DVD de Sam Green kaj "The key to bilingualism" kaj atendas detalojn pri iliaj planoj.

La programo celas la aĝgrupon de 25-jara ĝis 35-jara. Verŝajne ili ne uzos maljunulojn. Se estos grava informo, mi sendos ĝin aparte.

Estas grave ke ni, la Esperantistoj, ne fuŝu tiun oportunon.

## 3ZZZ ( KVINA ) PARTO DE LA PREPARADO POR LA ESPERANTO-PROGRAMO EN RADIO



Bezonata helpo

Nun mi devos retroiri iomete : Pro la konstantaj atakoj de tiuj du personoj ni ricevis 15 minutan programon. Ĉar mi ne akceptis menciitan proponon uzi nomon de iu nacio ili

ne volis envicigi nin kun la aliaj etnanoj. Oni nin metis en la vicon de angla lingva komunumo preparita por diversaj anoncoj. Tio estas lunde kaj ni komencis de 1:00ptm ĝis 1:15ptm, nian programon. Ni neniam estis certaj kiom longe ni havos, mi ne povis fari iun planon pro necerteco. Do mi devis obei ĉiun postulon de la direktoroj por ke ni ekzistu.

Mi ĉeestis deĵoradon, partoprenis kunvenojn dum longaj horoj. Se iu grupo ne venas aŭ malfruas, mia edzino telefonas pro ne veno. Oftaj malagrablaĵoj okazis.




La Radio-stacio ricevadas subvencion depende de registritaj etnaj grupoj. Ĉar ni apartenas al la angla sesio KANBERO ne kalkulas nin por subvencii.

Multfoje mi ricevas leterojn ke ni ĉesu. Mi forte argumentis al ĉiuj novaj direktoroj kiuj ofte ŝanĝiĝis en la komencaj jaroj. Fine, al mia menso venis la ideo ke mi skribu al KEP ENDERBY, kiu estis juĝisto, Mi sendis statuton kaj aliajn regulojn de 3zzz al li, petante lian helpon, mi klarigis ĉiujn detalojn pri kio okazis, ke ni ne havas rajton esti en tiu Etna komunuma radio.

Post 5 tagoj mi ricevis respondon de 8 paĝoj, pri kial ni havas rajton esti parto de tiu radio-stacio. Kaj KEP speciale skribis. 'Svetislav ; vi kun mia permeso povas prezenti al la estraro de 3zzz radiostacio mian leteron je mia nomo Juĝisto Kep Enderby'. Kiam mi ricevis tion, mi montris al Ibraham, nia subtenanto, li diris se vi donas tion al la direktoro, li metos tion en tirkeston, neniu scios pri tio. Mi konsilas al vi fari kopiojn kaj sendi al ĉiuj komitatanoj:

Respondis mi, ke mi ne havas adresojn. Li donis al mi la adresojn. Mi devus ne scii kiu donis al mi la adresojn. Mi faris tiel, kaj post la sekva taga kunveno (kroma), mi ricevis leteron. ke la komitato decidis plilongigi la programon al 30 minutoj.

Tio okazis la 26-3-1991 kaj daŭris ĝis la 9a de januaro 1995.

En tiuj jaroj komenciĝis, TELEVIDAJ etnaj programoj. Mi interesiĝis pri la kondiĉoj, pensante ĉu eblos enkonduti ankaŭ tion. Sed pro la spertoj pri radio, mi ankaŭ tion menciis al Ibraham ke mi volus havi tutlandan programon, ne nur radiuson de 100 kilometroj.

Jen surprizo. Ibraham diris kial vi ne faras la samon kiel aliaj grupoj. Registru vin por

satelita programo por tuta aŭstralio. Mi demandis kiom kostas, lia respondo nenion, ĉiuj etnaj organizoj estas parto de satelito. (LA SUNO EKBRILIS POR MI).
Mi rakontis tion al Jenni, ŝi diris kiam ni povos fari novan programon. Intertempe ni amikiĝis kun Kataluna programo interparolante pri Esperanto. Ili ambaŭ diris ke ili estis kun Esperanto plurajn jarojn antaŭe, eĉ estis en la Kataluna esperanta estraro dum pluraj jaroj kiam ili estis junaj.
Ĉe 3zzz ili estas ankaŭ en la komitato por prijuĝo al kiu grupo depreni aŭ aldoni tempolongigon de la programo. Mi jam antaŭe petis plilongigon sed ne okazis. Ĉifoje ili menciis, kial vi ne petis plilongigon. Post tiu kontakto je la unua kunveno de tiu aranĝo, ni ricevis pliajn 30 minutojn.
Do nun mi respondis al Jenni. 'Ni havas unu horon, nun ni faros samtempe 30 minutojn por Melburno kaj la duan parton ni komencu kun signalo dediĉita al la SATELITO ConRadSat. La dua parto laŭ nia decido daŭris 30 minutojn.
Mi petis ke Jenni skribu tien por peti pri ebleco enkonduki esperanto-programon ĉe ConRadSat satelito. La respondo venis rapide, ke ni sendu Prov-programon.
Mi preparis kaj sendis kasedon,la respondo venis kontentige, kaj la tempo okazos je la horo 4:30 post-tagmeze po 30 minutoj. Jen mia ĝojo.
Por mi estas multe pli da laboro, por fari la duan parton iomete, resonbendigi kaj sendi tiel ke ĝi atingu Sidérons ĝis Ĵaŭdo por ke ili povu dissendi je la 4:30ptm. Mi daŭrigos sekvan semajnon.



Svetislav Kanaĉki stevskank@hotmail.com

## Vortoj de "Lernu"

BARI
1. Meti ion sur vojon por malhelpi la trairon:
Ni baris la korton por ke neniu fremdulo promenu tie.
Ni konstruos akvo-baraĵon en la rivero.
Nur ilian korton baris altega barilo.
La korto estis nebarita, sed la ĝardeno estis parte debarita.
La polico malbaris la vojon al li.
2. Malhelpi la efektiviĝon, elvolviĝon de io:
Mi baros la progreson al la kalumnio!
Ili kontraŭbaris la vojon al ĉiuj reformoj.
Esperanto forigas la lingvajn barojn.
La besto estis ĉirkaŭbarita kaj ne povis forkuri.